# SCIIGOJ

*Feliĉan vojaĝon!*—La 20$^{an}$ del ĵus pasinta monato eliris el Valencio por vojaĝi al Danzig, urbo de la XIX Universala Kongreso de Esperanto en tiu-ĉi jaro, nia kara kunredaktoro S-ro. Andreo Piñó, kiu reprezentos oficiale ĉe la kunsidoj nian Hispanan Esperanto-Asocion, same kiel la Valencian Esperantistan Federacion kaj aliajn faksocietojn.

Ankaŭ forvojaĝis al Danzig niaj estimataj madridaj kunbatalantoj Komandanto S-ro. Julio Mangada kaj lia filo. La unua estos la oficiala delegito de la Ministerio de publika instruado por la hispana registaro.

Al ĉiuj ni deziras feliĉan vojaĝon kaj grandajn sukcesojn ĉe la Kongreso.

---

*La XIX.*—Tiu Kongreso, kiu efektiviĝas dum tiuj ĉi tagoj, promesas esti unu el la plej gravaj esperantistaj kunvenoj ĝis nun realigitaj, pro kio oni esperas, ke ĝi estu la aŭroro de nia fina triumfo.

Tion esperigas, krom la gravaj sukcesoj parte jam diskonigitaj, la grandaj honorigoj, kiujn oni dediĉos al ĝi de la flanko de eminentaj aŭtoritatuloj.

La registaro de la libera urbo Danzig aranĝos por la kongresanaro oficialan vesperan akcepton; same agos ankaŭ Ekscelenco *van Hamel,* Alta Komisaro de la Ligo de Nacioj en Danzig kaj Ekscelenco D-ro. *Strasburger,* ministro kaj diplomatia reprezentanto de la Pola Respubliko, en Danzig.

Inter gravaj eminentuloj aliĝintaj el pli ol 30 landoj ni trovas la nomojn de Princo Karlo de Svedujo, D-ro. Lindhagen urbestro de Stockholm, D-ro. Hazime Asada profesoro de la Universitato de Nagasaki (Japanujo), S-ro. Wasaburo Oiŝhi direktoro de la aerologia Observatorio en Tatueno (Japanujo), D-ro. Ha-

# NOTICIAS

*¡Feliz viaje!*—El 20 del próximo pasado mes salió de Valencia en viaje a Danzig, ciudad del XIX Congreso Universal de Esperanto en este año, nuestro querido compañero de redacción don Andrés Piñó, que representará oficialmente en las sesiones a nuestra Asociación Española Esperantista, así como a la Federación Esperantista Valenciana y a otras sociedades particulares.

También han salido para Danzig nuestros estimados compañeros de Madrid, el Comandante D. Julio Mangada y su hijo. El primero será el Delegado Oficial del Ministerio de Instrucción Pública por el Gobierno español.

A todos les deseamos un feliz viaje y grandes éxitos en el Congreso.

---

*El XIX.*—Este Congreso, que tiene lugar en estos días, promete ser una de las más importantes asambleas esperantistas verificadas hasta ahora, por lo que se espera que sea como la aurora de nuestro triunfo final.

Así lo hacen esperar, además de los resonantes éxitos en parte ya divulgados, los grandes honores que se le dedicarán del lado de eminentes autoridades.

El gobierno de la ciudad libre de Danzig ha organizado, en honor de los congresistas, una velada de recepción oficial; lo mismo harán Su Excelencia *van Hamel,* Alto Comisario de la Liga de Naciones en Danzig y Su Excelencia el Dr. *Strasburger,* ministro y representante diplomático de la República Polaca, en Danzig.

Entre los personajes eminentes adheridos de más de 30 naciones, encontramos los nombres del Príncipe Carlos de Suecia; Dr. Lindhagen, alcalde de Stockholm; Dr. Hazime Asada, profesor de la Universidad de Nagasaki (Japón); Sr. Wasaburo Oiski, director del Observatorio aerológico de Tatueno (Japón);

segawa profesoro de la Imperia Universitato en Seoul (Japanujo), profesoro D-ro. Schmidt direktoro de la Astronomia Observatorio en Postdam, doktoro Kabanov universitata profesoro el Moskvo, D-rino. Fomina kuracistino el Kaŭkazo, S-ro. Pyke prezidanto de la Esperanta-Asocio en Melbourne (Aŭstralio), D-ro. Pleŝe el Novjorko, F-ino. Marshall el San Francisco (Kalifornio) kaj multaj aliaj, precipe grandnombre el Usono kaj Japanujo (ĝis nun 9 japanaj gesinjoroj aliĝintaj), kiuj ĉiuj partoprenos ankaŭ la solenan plantadon de la Jubilea Kverko sur la Esperanto-placo en Zoppot, kaj metos hejman teron al ĝia radiko.

Alia gravega sukceso estas tiu pri kiu temas la jena komuniko de la Loka Kongresa Komitato:

NOVA GRANDA JUBILEA SUKCESO

*La plej grava taggazeto de Danzig dum la Kongreso aperos dulingve. Samideanoj abonu!*

Kun ĝojo ni faras komunikon al la tutmonda Esperantistaro pri unu el la plej gravaj jubileaj sukcesoj de nia movado:

La plej grava taggazeto de Danzig: *Danziger Neueste Nachrichten* dum la tuta daŭro de la Kongreso aperos dulingve: germane kaj Esperante. La gazeto enhavos en Esperanto la novaĵojn politikajn, ekonomiajn, sciencajn, sportajn k. t. p. el la tuta mondo kaj krome raportojn pri la Kongreso.

Por kompreni la gravecon de la anoncata fakto oni bonvolu pensi nur pri tio, ke Danziger Neueste Nachrichten aperas en pluraj dekmiloj da ekzempleroj kaj ĝi estas la plej legata kaj populara gazeto de la Baltmaraj regionoj.

Estas la unua fojo, ke grava taggazeto alprenis la dulingvan sistemon kaj tiu-ĉi sukceso donos al ni ĝojigan enrigardon en la estontecon, kiam ĉiuj naci-

Dr. Hasegawa, profesor de la Universidad Imperial de Seoul (íd.); profesor Dr. Schmidt, director del Observatorio Astronómico de Postdam; Dr. Kabanov, profesor de la Universidad de Moscou; Dra. Fomina, médica del Cáucaso; señor Pyke, presidente de la Asociación Esperantista de Melbourne (Australia); doctor Pleŝe, de Nueva York; Srta. Marshall, de San Francisco (California) y otros muchos, sobre todo de los Estados Unidos y Japón (hasta ahora nueve señores y señoras japoneses adheridos), todos los cuales tomarán parte también en la solemne plantación de la Encina Jubilar en la Plaza Esperanto de Zoppot, y echarán tierra de su país a sus raíces.

Otro éxito importantísimo es el que se refiere a la siguiente comunicación del Comité Local del Congreso:

NUEVO GRAN ÉXITO JUBILAR

*El diario más importante de Danzig aparecerá en dos idiomas durante el Congreso. ¡Correligionarios, suscribíos!*

Con alegría comunicamos a los esperantistas de todo el mundo uno de los más resonantes éxitos jubilares de nuestro movimiento.

El diario más importante de Danzig: *Danziger Neueste Nachrichten,* durante los días del Congreso aparecerá en dos idiomas: alemán y Esperanto. El periódico publicará en Esperanto las noticias políticas, económicas, científicas, sportivas, etc., de todo el mundo y además las reseñas del Congreso.

Para comprender la importancia del hecho anunciado, basta fijar la atención en que Danziger Neueste Nachrichten hace una tirada de muchas decenas de millares de ejemplares y es el periódico más leído y más popular de las regiones Bélticas.

Es la primera vez que un diario importante adopta el sistema bilingüe y este éxito nos permitirá echar una mirada hacia el porvenir, cuando todos los

lingvaj gazetoj informados la fremdlingvan publikon per nia neŭtrala kaj universala lingvo.

La dulingvaj numeroj de Danziger Neueste Nachrichten estos aparte aboneblaj kaj la tutsemajna abono kune kun afranko kostas nur 1'50 guldenojn (=svisajn frankojn), kiun sumon oni devas sendi rekte al la administracio. Adreso: Administracio de Danziger Neueste Nachrichten, Danzig, Breitgasse.

La monon oni sendu prefere en letero per UEA-kuponoj aŭ internaciaj poŝtaj respondkuponoj (5 kuponojn por unu abono). La numeroj estos ĉiutage aparte ekspedataj.

Samideanoj, kiuj bedaŭrinde ne povos partopreni la jubilean kongreson, almenaŭ per la ĉiutage ricevata gazeto travivu la emociajn momentojn de nia brila jubilea manifestacio.

Pioniroj de nia movado nepre akiru tiun ĉi unike efikan propagandilon, pruvon de tio, ke ni estas jam proksimaj al la fina venko!

*Loka Kongresa Komitato*, Danzig.

---

*Pri nia VII^a^*—Jam oni komencis entuziasme la propagandon por la VII^a^ Hispana Kongreso de Esperanto en Sevilla, koincide kun la granda Hispan-Amerika Ekspozicio okazonta en aŭtuno 1928. La ĉiutagaj gazetoj el Sevilla kaj aliaj urboj publikigas longajn artikolojn rilate tion. Ni ilin legis en *La Unión*, *Noticiero Sevillano*, *El Liberal* kaj *El Correo de Andalucía* el la dirita ĉefurbo *El Defensor de Córdoba*, *Diario Liberal*, *La Voz* kaj *Diario de Córdoba*, de Córdoba, en *El Diario de León*, *Diario de Burgos*, *Diario de Huesca*, *Región*, de Oviedo, *La Libertad*, de Madrid, kaj ankaŭ ni vidis ĉe publikaj lokoj afiŝojn pri tiuj manifestacioj.

La Suno Hispana inaŭguracias en tiu-ĉi numero la publikigon de belaj bil-

periódicos nacionales informen al público extranjero por medio de nuestra lengua neutral y universal.

Los números bilingües de Danziger Neueste Nachrichten podían adquirirse aparte, y la suscripción por toda la semana, incluído el franqueo, costará solo 1'50 florines (= francos suizos) = 1'75 pesetas—cantidad que debe enviarse directamente a la Administración. Dirección: «Administración de Danziger Neueste Nachrichten, Danzig, Breitgasse».

El dinero envíese con preferencia en carta con cupones de U. E. A. o cupones-respuesta internacionales de Correos (5 cupones por suscripción). Los números se expedirán cada día por separado.

Los *Samideanos*, que desgraciadamente no puedan asistir al Congreso jubilar, al menos con el periódico recibido diariamente seguirán los emocionantes momentos de nuestra brillante manifestación de jubileo.

¡Campeones de nuestro movimiento, no dejéis de adquirir este único y eficaz medio de propaganda, prueba de que estamos ya próximos a la victoria final!

*Comité Local del Congreso*, Danzig.

---

*De nuestro VII.*—Ya se ha empezado con entusiasmo la propaganda para el VII Congreso Español de Esperanto en Sevilla, coincidiendo con la gran Exposición Hispano-Americana, que ha de celebrarse en otoño de 1928. Los diarios de Sevilla y otras ciudades publican extensos artículos referentes a esto. Los hemos leído en *La Unión*, *Noticiero Sevillano*, *El Liberal* y *El Correo de Andalucía*, de dicha capital, *El Defensor de Córdoba*, *Diario Liberal*, *La Voz* y *Diario de Córdoba*, de Córdoba, en *El Diario de León*, *Diario de Burgos*, *Diario de Huesca*, *Región*, de Oviedo, *La Libertad*, de Madrid, y también hemos visto en sitios públicos carteles anunciando aquellas manifestaciones.

La Suno Hispana inaugura en este número la publicación de hermosas vis-

doj el Sevilla, por iom konigi al la vizitontoj la monumentojn kaj ĉefajn vidindaĵojn de la gaja kaj ĉarma urbo kaj ĉirkaŭaĵoj.

tas de Sevilla, para dar a conocer, a quienes hayan de visitarla, algo de los monumentos y principales lugares de la alegre y encantadora ciudad y sus alrededores.

---

Sennombraj estas jam la firmoj kiuj uzas Esperanton praktike por siaj katalogoj, cirkuleroj kaj anoncoj. Tial ni ne povas ilin ĉiujn citi. Nur ni konigos hodiaŭ la ĉefajn ricevitajn propagandilojn, nome:

Bicikloj «Sigurd» — Kassel (Germanujo).

Fabriko de albumoj, W. G. Schaffel —Leipzig C 1, Hospitalstrasse, 21.

Sanigpreparaĵoj, Bombastus-Werke, Freital-Zauckerode apud Dresden.

Ilustritaj gvidfolioj pri:

*Dordrecht*, bela urbo kaj haveno sur insulo ĉe la Sud-Holando. Petu informojn ĉe Gemeentebestuur, Dordrecht (Nederlando).

Banloko Norderney, provinco Hannover, Prusujo (Germanujo): ĉe la banloka Direkcio.

*Zutphen*, turisma urbo: Delegito de U. E. A. S-ro. Soeters, Kuiperstraat 25ª, Zutphen (Nederlando).

Innumerables son ya las casas de comercio que usan prácticamente el Esperanto para sus catálogos, circulares y anuncios. Por eso no podemos citarlas todas. Sólo daremos a conocer hoy las principales propagandas recibidas, a saber:

Biciclos «Sigurd» — Kassel (Alemania).

Fábrica de álbums, W. G. Schaffel — Leipzig C. 1, Hospitalstrasse, 21.

Preparados medicinales: Bombastus-Werke, Freital-Zauckerode junto a Dresden.

Porfolios ilustrados sobre:

*Dordrecht*, bella ciudad y puerto en una isla al Sur de Holanda. Pedid informes a Gemeentebestuur, Dordrecht (Holanda).

Balneario de *Norderney*, provincia de Hannover, Prusia (Alemania): a la Dirección del balneario.

*Zutphen*, ciudad de turismo: al Delegado de U. E. A. Sr. Soeters, kuiperstraat 25ª, Zutphen (Holanda).

---

# Bibliografio

*Kongreslibro*, pri la XIVª Kongreso de Kataluna Esperantista Federacio, en Sóller (Mallorca), 5-7 de junio de 1927ª.

Krom tre multenombraj belaj fotografvidaĵoj, ĝi enhavas interesajn sciigojn pri la Kongreso, nome: Organiza Komitato — *La Espero* — Programo — Historia skizo pri Sóller — Sóller, turisma loko — Sóller, urbo — Notoj pri la XIIIaj Internaciaj Floraj Ludoj — Komitato kaj anaro de K. E. F. kaj abonantoj de K. E. — Lokaj esperantistaj Societoj kun siaj anoj — Anoncoj.

# Bibliografía

*Libro del Congreso*, del XIV de la Federación Esperantista Catalana, en Sóller (Mallorca), 5-7 de junio de 1927.

Además del gran número de hermosas vistas fotográficas, contiene interesantes noticias del Congreso, a saber: Comité Organizador—Himno *La Espero*—Programa—Bosquejo histórico de Sóller—Sóller, lugar de turismo—Sóller, ciudad—Notas sobre los XIII Juegos Florales Internacionales—Comité y lista de socios de K. E. F. y suscriptores de K. E.—Sociedades Esperantistas locales con sus miembros—Anuncios.

*Du junaj fraŭlinoj kaj Korneliino.* —Du noveloj el la bonekzemplaj de Miĥaelo de Cervantes (tutmondfama aŭtoro de *Kiĥoto*).—Tradukitaj de Julio Mangada Rosenörn.—Prezo: 1'75 fr. sv. (tri respondkuponoj).—Adreso: Glorieta de Bilbao, 5.—Madrid (Hispanujo).

Jen nova elmontro de la neelĉerpebla literatura produktemo de sinjoro Mangada, kiu laboras senĉese por plenumi sian devon kiel esperantisto kaj kiel verkisto por sia entrepreno: Hispana Esperanto- Biblioteko, kies 7-8 numero estas tiu, kiun ni recenzas.

Verketo 72-paĝa, formato 13 $^1/_2$ × 19 $^1/_2$ cm., ĝi enhavas du el la plej belaj noveletoj modelaj de la senmorta aŭtoro de *Kiĥoto*, tradukitaj tre lerte kaj zorgeme de nia esperanta pioniro sinjoro Mangada, kiu mem deklaras ke «eble oni trovos la tradukojn strangaj, ĉar li celis traduki fidele, konservante samtempe kiel eble plej formon kaj stilon de la tutmondfama aŭtoro, kvankam li ankaŭ celis alĝustigi ilin al la internacia celo de Esperanto.

Vere ni trovis kelkajn frazojn tro fidele tradukitajn, kaj pri tio permesu al ni la tradukinto iom da diskuto, ĉar ni juĝas, ke tio estas nekonvenaĵo ĉe internacia traduko, kies ĉefa karaktero devas esti klareco kaj komprenebleco por ĉiuj, ne konservante la specialan stilon de la koncernaj aŭtoro kaj nacilingvo, sed male, forigante ĝin kaj aliformigante ĝin en internacian esperantan stilon.

Se ni tradukas preskaŭ laŭvorte, konservante la tipajn dirmanierojn de la aŭtoro, la apartan spiriton de ĉiu nacilingvo, kun ĝiaj abundaj elipsoj, pleonasmoj kaj aliaj *licenzoj* ĉu gramatikaj ĉu retorikaj, ni riskas ne esti komprenataj internacie, sed nur kaj maksimume nin

*Du junaj fraŭlinoj* (Las dos doncellas) y *Korneliino* (La señora Cornelia). — Dos novelas de las ejemplares de Miguel de Cervantes (famoso autor de *El Quijote*).—Traducidas por Julio Mangada Rosenörn. — Precio: 1'75 francos suizos (tres cupones - respuesta). — Dirección: Glorieta de Bilbao, 5.—Madrid (España).

He aquí una nueva muestra de la inagotable fecundidad literaria del señor Mangada, que trabaja sin cesar para cumplir su deber como esperantista y como escritor para su empresa: Biblioteca Española de Esperanto, cuyo número 7-8 es el que reseñamos.

Obrita de 72 páginas, tamaño 13 $^1/_2$ × 19 $^1/_2$ cm., contiene dos de las más bellas novelitas ejemplares del inmortal autor del *Quijote*, traducidas con mucha competencia y cuidado por nuestro campeón esperantista Sr. Mangada, quien declara espontáneamente que «quizá parezcan extrañas sus traducciones, pues él procuró traducir fielmente, conservando al mismo tiempo cuanto le fué posible la forma y el estilo del célebre autor, aunque también cuidó de ajustarlas al objeto internacional del Esperanto».

Verdaderamente hemos encontrado algunas frases demasiado fielmente traducidas, y sobre esto permítanos el traductor un poco de discusión, porque nosotros creemos que eso es un inconveniente en una traducción internacional, cuyo principal carácter debe ser la claridad y comprensibilidad para todos, no conservando el estilo especial del autor a que se refiera y de su lengua nacional, sino al contrario, haciéndolo desaparecer y transformándolo en estilo esperantista internacional.

Si hacemos las traducciones casi al pie de la letra, conservando las maneras de decir típicas del autor, el espíritu especial de cada idioma, con sus abundantes elipsis, pleonasmos y demás licencias, ya gramaticales, ya retóricas, corremos el riesgo de no ser compren-

komprenos niaj samlingvanoj. Precipe kiam oni tradukas klasikulon kiel Cervantes'on, kiu tiom multe emas tiajn lingvopermesojn—kiuj ja estas belaj ornamaĵoj ĉe la hispana lingvo,—tiam la malfacilaĵoj kreskas; kaj tial ekzistas en la traduko de S-ro. Mangada—sed nur ĉe la unuaj paĝoj, ĉar ŝajnas ke li, feliĉe, ekvidis ĝustatempe la malkonvenon de tiaj naĉilingvaj specialaĵoj,—kelkaj malklaraj frazoj, kiuj eble alilanduloj ne komprenas, nome:

didos internacionalmente, sino tan sólo y a lo sumo nos comprenderán nuestros compatriotas. Sobre todo cuando se traduce a un clásico como Cervantes, que tan inclinado es a tales libertades lingüísticas—las cuales son, en verdad, gala y belleza en la lengua española—, entonces las dificultades aumentan; y por eso existen en la traducción del señor Mangada - pero sólo en las primeras páginas, pues parece que, afortunadamente, se dió cuenta a tiempo de la inconveniencia de tales particularidades propias del idioma nacional—algunas frases obscuras, que tal vez los extranjeros no comprendan, como éstas:

(Sur paĝo 8ª) «... mi ne sentis alian aĵon pli ol komplezon esti vidinta lin;» «... li sendis sian animon al mi per siaj okuloj, kaj miaj, kun alia kontento malsama je la unua sentita de mi, ŝatis rigardadi lin...» «... la rigardo estis la pero kaj petanto por la parolo, la parolo por la deklaro pri lia deziro, ĉi tiu ekbruligis mian kaj fidon je liaj paroloj;»

(paĝo 9ª): «kvankam eĉ se mi perdus la vivon...»

( — 11ª): «... mi volas... ne vin apartigi el mia flanko ĝis kiam, kiel legitiman edzon, vi havos ĉe vi Markon Antonon,...»

(paĝo 13ª): «La mulkondukisto, kiu estis el la gajuloj de la metio...»

( — 14ª): «... kaj la junulo respondis, esti el Andaluzio, de loko, kiu ĵus nomita, konigis al la fratoj, stari ne malproksime...; li diris veni de Seviljo,...»

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Ni opinias, ke en tiaj okazoj estus preferinde ripeti ian vorton aŭ doni al la frazo alian vortordon, ol lasi la Cervantes'ajn elegantaĵojn, riskante ke oni ne komprenu nin. Ni devas traduki la ideojn, ne la vortojn de la naciaj aŭtoroj. La vortoj kaj la dirmanieroj ĉe la traduko devas esti tute internaciaj, logikaj, ĝustaj laŭ la spirito de nia internacilingvo, ĉar oni bone scias ke Esperanto havas sian spiriton, laŭ prava certigo de nia neforgesebla Majstro.

Tion ne devas forgesi la tradukontoj, precipe kiam ili intencas liveri al la internacia literaturo la ĉefverkojn de sia patrujo, kaj estas dezirinde ke oni agu tiamaniere ĉe la anoncita traduko de la tutmondfama verko *Don Kiĥoto de Man-*

Opinamos que en tales casos sería preferible repetir alguna palabra o dar a la frase otro giro, antes que dejar las elegancias Cervantinas, arriesgándonos a que no nos comprendan. Debemos traducir las ideas, no las palabras, de los autores nacionales. Las palabras y los modos de decir en la traducción deben ser completamente internacionales, lógicos, exactos, según el espíritu de nuestra lengua internacional, pues es bien sabido que el Esperanto posee su espíritu, como acertadamente afirmó nuestro inolvidable Maestro.

Esto no deben olvidarlo los traductores, sobre todo cuando intentan aportar a la literatura internacional las obras maestras de su patria, y es de desear que así se haga en la anunciada traducción de la famosa obra, *D. Quijote de*

*ĉujo*, kies publikigo per 32-paĝaj kajeroj samformataj ol tiu, kiun ni recenzas, el la Hispana Esperanto-Biblioteko, baldaŭ komencos.

Por oportuneco de la legantoj ni rememorigas, ke la verketoj el tiu Biblioteko povas esti aĉetataj ĉiu aparte laŭ sia prezo, aŭ per abono por dekdu kajeroj. La abono kostas eksterlande 8 sv. fr. kaj en Hispanujo 7 pesetojn.

*la Mancha*, cuya publicación por cuadernos de 32 páginas, semejantes al que reseñamos, de la Biblioteca Española de Esperanto, empezará pronto.

Para comodidad de los lectores, recordamos que las obritas de esta Biblioteca pueden ser compradas por separado, a su precio, o por medio de suscripción por doce cuadernos. La suscripción cuesta para el extranjero 8 francos suizos y para España 7 pesetas.

---

*Bulteno de Internacia Scienca Asocio Esperantista* (I. S. A. E.) kaj de Sekcio de Teknikaj Vortaroj (T. V.) — numero 7, julio 1927.—Unu numero: 0'1 dolaro — Jarabono: 0,5 dolaro. — Abonejo: S-ro. C. Rousseau, Kasisto de I. S. A. E., 4, Place de la Republique, Levallois-Perret (Seine)—France.

La enhavo de tiu-ĉi numero estas jena: Novaj membroj.—Universala Kongreso de Danzig.—Vivo kaj agado de la Asocio.— Progresoj. - Sciigoj.— Sekcio de Teknikaj Vortaroj.

*Boletín de la Asociación Científica Internacional Esperantista* (I. S. A. E.) y de la Sección de Vocabularios Técnicos (T. V.).—Núm. 7, julio 1927. - Un número: 0'1 dólar.—Abono anual: 0'5 dólar.—Centro de suscripción: Sr. C. Rousseau, Cajero de (I. S. A. E.), 4, Plaza de la República, Levallois-Perret (Sena)—Francia.

El sumario de este número es el siguiente: Nuevos miembros. – Congreso Universal de Danzig.—Vida y actuación de la Asociación. — Progresos. — Noticias.—Sección de Vocabularios Técnicos.

---

*Jarlibro de la Lingva Komitato kaj de ĝia Akademio.* – 1927.—Paris. Esperantista Centra Librejo, 51, Rue de Clichy (9e).—Prezo: 2 fr.

Ĝi estas 32-paĝa broŝureto, kiu enhavas. Regularo de la Lingva Komitato. —Regularo pri verkoj rekompencotaj de la Akademio.—Rilatoj inter la Akademio kaj la Eksterakademia Sekcio por Scienca kaj Teknika Vortaro.—Listo de Lingva-Komitatanoj kun iliaj adresoj.—Same laŭ la lingvoj kaj laŭ ilia elirjaro, — Akademianoj. — Pri landnomoj (Zamenhofa sistemo), kun aparta aldono de nove eldonita artikolo de P ro. Cart pri tiu afero.

Tiun verketon devas posedi ĉiu vera esperantisto.

*Anuario del Comité Lingüístico y de su Academia.* — 1927. — París. Librería Central Esperantista, 51, Rue de Clichy (9e).—Precio: 2 francos.

Es un folleto de 32 páginas, que contiene: Reglamento del Comité Lingüístico.—Reglamento sobre obras premiadas por la Academia.—Relaciones entre la Academia y la Sección Extraacadémica del Vocabulario Científico y Técnico.— Lista de miembros del Comité Lingüístico con sus direcciones. — Idem con arreglo a sus lenguas y a su año de salida.—Académicos.—De los nombres de países (sistema de Zamenhof), con una hoja aparte del artículo nuevamente editado del Profesor Cart sobre este asunto.

Esta obrita debe poseerla todo verdadero esperantista.

TIPOGRAFIA MODERNA, A C. DE M. GIMENO, PRIMADO REIG (antes Avellanas), 9, VALENCIA

# ASOCIACIÓN UNIVERSAL ESPERANTISTA

Oficina Central: 12, Boulevard du Théâtre, Ginebra (Suiza)

*La Asociación Universal Esperantista tiene por* objeto:

Difundir el uso de la lengua internacional auxiliar Esperanto.

Fomentar toda clase de relaciones morales y materiales entre los hombres sin distintinción de raza, nacionalidad, religión o lengua.

Crear servicios internacionales para uso de todos los hombres, cuyos intereses intelectuales o materiales traspasan los límites de su nacionalidad o el territorio de su idioma.

Acrecentar entre sus miembros un fuerte lazo de solidaridad y desarrollar entre ellos el conocimiento de los pueblos extranjeros.

La Asociación es neutral en asuntos de religión, nacionalidad o política.

*La Asociación Universal Esperantista* consiste:

En siete mil miembros de diversos países.

En 1.200 Delegados y Vicedelegados en las principales localidades, quienes contestan a los informes que les piden los miembros y les ayudan con ocasión de sus viajes.

En un Comité, elegido por los Delegados, en una Oficina Central, en una organización territorial, etc.

*La Asociación Universal Esperantista* trabaja:

Por construir un centro de acción esperantista bien organizado y fuerte. En consideración a que una organización internacional es necesaria a una lengua internacional, el último Congreso concedió oficialidad a la U. E. A. considerándola como la organización mundial de los esperantistas individuales.

Para facilitar a sus miembros el uso práctico del idioma y favorecer la correspondencia esperantista, el turismo, las relaciones comerciales, intercambio de sellos, etc.

Para hacer conocer el valor de nuestra lengua en las oficinas entre estados, grandes asociaciones internacionales, etc. El éxito de estas gestiones depende en mucho del número de personas en cuyo nombre tenga derecho a hablar la Asociación.

*La Asociación Universal Esperantista* entrega:

A los Miembros: La Carta de socio y un anuario de 250 páginas, con las direcciones de los Delegados, grupos esperantistas, revistas, organizaciones, con noticias sobre relaciones internacionales, etc. Todo miembro que desee corresponder o establecer intercambio, tiene derecho a que se imprima dos veces su dirección en la revista *Esperanto* o especial suplemento.

A los Miembros Suscritores: La revista *Esperanto*, principal órgano internacional de los esperantistas, con artículos literarios, científicos, técnicos y exactos informes sobre el movimiento.

A los Miembros-Protectores: Con los impresos anteriores, un premio consistente en valiosas obras literarias a elección entre las tres remesas siguientes:

1.ª Obras del Dr. Zamenhof (ocho volúmenes de traducciones clásicas).

2.ª Biblioteca Internacional Esperantista (32 pequeños volúmenes de literatura internacional; forma manual de bolsillo).

3.ª «El Parnaso de los Pueblos» (poesías de 30 lenguas, magistralmente traducidas por Antonio Gravowski).

*La Asociación Universal Esperantista* solicita:

Una cuota anual de 5 frs. por Miembro, de 12'50 frs. por Miembro-Subscriptor y de 25 frs. por Miembro-Protector (precio especial para españoles: 6, 15, 35 pesetas, respectivamente).

# Internacia Centra Komitato de la esperanto-movado

## Comité Central Internacional del movimiento esperantista

**12, Boulevard du Théâtre, Genève (Ginebra) Svislando (Suiza)**

Lleva la suprema dirección de la propaganda Internacional de Esperanto, de acuerdo con K. R. y U. E. A.

*Prezidanto:* D-ro. Edmond Privat, 12, Boulevard du Théâtre, Genève.

*Instruado & Statistiko:* Prof. D-ro. Dietterle, Seumestrasse, 10, Leipzig-W. 3 i.

*Financo Fako:* D-ro. A. Stromboli, Lungarno Regio, 17, Pisa.

*Gazetaro* (Prensa): Rudolf Hromada, Socharská, 333, Praha VII.

*Teknikaj Fakoj* (Secciones técnicas): M. Rollet de L' Isle, 35, rue Sommerard, París, V.

*Socia Fako* (Sección social): Julia C. Isbrücker, Oostduinlaan, 32, s' Gravenhage.

*Konsilantoj:* D-ro. Won Kenn, Kanton, China.—E. Legrand, Montevideo, W. M. Page, Edinburgh.

### Administrado

*Ĝenerala Sekretario:* Rob. Kreuz, Genève.

*Sekretario:* Andreo Ĉe, Genève.

*Helpsekretariino:* Ida Brélaz.

## HISPANA ESPERANTO-ASOCIO

**(Asociación Esperantista Española)**

*Calle de Sagasta, núm. 10, Cruz Roja, Madrid*

*Presidente:* D. José Perogordo, calle de los Santos, 2, Madrid.

*Secretario:* D. Mariano Mojado, Abascal, 13, pral., A. Madrid.

*Tesorero:* D. Pelayo Moreno Ferrer, calle de Pontejos, núm. 1, 2.°, Madrid.

## FEDERACIÓN ESPERANTISTA LEVANTINA

*Calle del Mar, núm. 23, Ateneo, Valencia.*